# REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO
## FRANCA ESPERANTISTO

Fondée en 1908 — 37e année — 3e série - N° 256 JANVIER - FEVRIER 1969


# POR "BATALEMA SPIRITO"

Ni parolu malkaŝeme : malkresko de la membraro, malkresko de la kursoj, malkresko de la intereso por esperanto kaj ĝiaj organizaĵoj (loka societo, federacio, Unuiĝo) fare de la esperantistoj mem nigrigas nian estonton.

La daŭrigo de disaj agadoj, la troigo de individualismo en la konduko de aliaj, la traktado de internacia afero laŭ loka vidpunkto danĝerigas la ekzistadon mem de esperanto en nia lando.

Disvastigi esperanton, kaj nur esperanton, kion celas Unuiĝo Franca por Esperanto, postulas en 1969 de ĉiu el ni « bataleman spiriton », sendifektan volon kaj antaŭ ĉio DISCIPLINON kaj PLENAN FIDON je la respondeculoj, ĉu federaciaj, ĉu naciaj.

Ĉiu grupestro, ĉiu federaciestro konstante informiĝu apud siaj membroj, praktiku personajn rilatojn por koni la bezonojn kaj helpi. Ĉiu simpla membro bone konu la strukturon de la franca esperanto-movado : loka societo, federacio, Unuiĝo kaj agu harmonie kun ili.

S-ino Ballaven, helpsekretariino de U.F.E kaj mi mem, nome de Dro Albault kaj de la estraro decidis batali kontraŭ tiu apatio kaj partoprenos, kiel eble plej ofte la federaciajn kongresojn kaj renkontojn por « aŭskulti » kaj « dialogi » kun ĉiuj.

Mi nun petas la respondeculojn de la federacioj kaj lokaj grupoj antaŭvidi specialan debaton dum la okazontaj federaciaj kongresoj por efektivigi la restarigon de nia komuna afero.

De nun, ni akiru « BATALEMAN SPIRITON » !

André BOURDEAUX.

# FRANCA ESPERANTISTO

**OFICIALA ORGANO DE U.F.E. (Unuiĝo Franca por Esperanto)**
**34, Rue de Chabrol, Paris X• - C.C.P. 855-35 Paris**
ABONNEMENT ANNUEL : **30 Francs.** — Le Numéro : **3 Francs** (CCP 855-35 PARIS)

**Rédaction provisoire :**
**J.-A. ROUSSEAU**
U.F.E., 34, rue de Chabrol
PARIS (10e)

—

Les textes à publier doivent être toujours dactylographiés avec double marge et double interligne.

—

Prière d'envoyer des clichés et non de simples photographies.

—

Les manuscrits non insérés ne sont pas renvoyés.

—

Joindre 0,80 F. en timbres pour tout changement d'adresse.

—

**BUREAU DE L'U.F.E. :**

**Président :**

**Dr André ALBAULT,** 32, av. E.-Billières, 31 - TOULOUSE - 03.

**Vice-présidents :**

**Gabriel ROUGETET** (Relations extérieures, statuts), 71 ter, avenue Foch, 78 - SAINT-GERMAIN-EN-LAYE.

**THIERRY Jean** (affaires culturelles, enseignement extra scolaire), 5, rue Léon-Cogniet, 75 - PARIS-17e.

**J. GUILLAUME** (relations avec l'U.E.A., secrétariat administratif), 8, rue Camille-Saulnier, 78 - Le VÉSINET.

**F. BOYET** (G.E.E., enseignement dans les écoles), 3, rue Lebas, 49 - ANGERS.

**Secrétaire Général :**

**André BOURDEAUX** (affaires générales, information, relations avec la presse, Espéranto-Actualités), 164, rue de Saussure, 75 - PARIS (17e). Tél. 622-49-57.

**Secrétaire général adjoint :**

**Mme BALLAVEN** (affaires générales), 18, avenue de Villiers, 75 - PARIS (17e)

**Secrétaire chargé des finances :**

**Pierre ROYER,** 37 ,avenue du Pt-Kennedy,, 91 - MASSY.

**Trésorier :**

**J.A. ROUSSEAU,** 64, avenue J.-Moulin, 75 - PARIS (14e).

## Personnalités françaises patronnant l'action d'information sur l'Espéranto

M. **Maurice GENEVOIX,** de l'Académie Française ;
M. **Jean ROSTAND,** de l'Académie Française ;
M. **Charles MAURAIN,** de l'Académie des Sciences ;
M. **Maurice FRECHET,** de l'Académie des Sciences ,
M. **Charles CAMICHEL,** de l'Académie des Sciences ;
M. **Georges AURIC,** de l'Académie des Beaux-Arts ;
M. **Jean CHARBONNEAU,** général, de l'Académie des Sciences Coloniales ;
M. **Pierre ESCOUBE,** Conseiller-Maître à la Cour des Comptes ;
M. **Henri BAÏSSAS,** Inspecteur général (Ministère de l'Education Nationale) ;
M. **Paul MAUREILLE,** Inspecteur général (Ministère de l'Education Nationale) ;
M. **André ALLIX,** Recteur d'Académie ;
M. **Maurice BAYEN,** Recteur d'Académie ;
M. **Emile DELAGE,** Recteur d'Académie ;
M. **Paul GERVAIS,** Inspecteur principal (Service Académique Jeunesse et Sports) ;
M. **René COUTEAUX,** Professeur à la Faculté des Sciences ;
M. **André CAILLEUX,** Professeur à la Faculté des Sciences.

**FONDUSO « ESPERANTO-DOMO »**

| | |
|---|---|
| Gsroj Volpeliere ........ | 40,00 |
| Anonimulino (V.) ........ | 100,00 |
| S-ino Courteaux S. ...... | 10,00 |
| F-ino Romand ........... | 100,00 |
| S-ro Fabert ............. | 10,00 |
| S-ro Debar .............. | 10,00 |
| S-ro Charlet F. .......... | 85,00 |
| Anonimulino (V.) ........ | 100,00 |
| S-ro Perrelet ........... | 50,00 |
| S-ro Duflot Ch. .......... | 10,00 |
| S--ro Belhoste .......... | 100,00 |
| F-to Marmou ............ | 21,00 |
| Sumo de la 9-a listoj .... | 636,00 |
| Sumo antaŭaj listoj ...... | 6.746,00 |
| Nova sumo .............. | 7.382,00 |

**MEMBROJ DONACANTOJ en 1969 :**

S-ino Villette, F-inoj Brun, Cléon, Joubert, S-roj Dabezies, Hoine, Jourdan, Larglantier.

**DUMVIVA BONFARANTA MEMBRO :**

S-ro René Llech-Walter.

Vi estas kore invitataj al la

**INTERNACIA ESPERANTO - RIPOZEJO**

en la VERDA BORDO apud NATANJA
de la 1-a ĝis la 15-a Julio 1969

Modernaj hotelo kaj pensiono ; strando ĉe Mediteranea marbordo, naĝbaseno, dancejo, tenisludejo, korbpilkejo, golfejo, keglejo, ĉevalrajdejo.

Prezoj malataj !

Riĉa programo : Prelegoj pri Israelo, kursoj diversgradaj de Esperanto, distraĵoj, laŭdeziraj ekskursoj al ĉiuj londpartoj.

Organizeblaj vojaĝkaravanoj kun rabatitaj prezoj laŭ IATA-reguloj.

Detalaj informoj kaj aliĝo ĉe :

**PELTOURS — p.k. 394 — TEL AVIV**
aŭ ĉe ĝiaj eksterlandaj oficoj

**ESPERANTO-LIGO en ISRAELO, p.k. 1289, TEL AVIV**

*Rimarko* : La aliĝoj devas atingi la suprajn oficojn ĝis la **26-a de marto 1969.** Post tiu dato neniaj mendoj estos akceptataj.

# Modifoj en la Jarlibro 1967-1968 :

**KONSILIO :**

Dum la kongreso en Strasbourg, estos relektotaj 8 membroj de la konsilio. S-ro Chapellier ne estos denove kandidato ; S-roj Babin, Cugny, Guillaume, Martin, Poly, estas denove kandidatoj. Kvar novaj membroj kanditatiĝis ; ili estas :

**S-ro GIOVENAL André,** el Lyon ; akademia oficiro ; kasisto de la Federacio Rhônes-Alpes ; prezidanto de la Lyon'a grupo de F.F.E.A. ; membro de L.K.K. por la Internacia I.F.E.F. Kongreso 1969 en Avignon ; kursgvidanto de pluraj jaroj.

**F-no NOURMONT C.,** el Aix-en-Provence ; studentino pri filozofio ; licenciita pri filozofio kaj psikologio ; interpretis en seminario pri la lingva problemo ; gvidas kurson en porknabina liceo ; prezidantino de la Studenta Esperantista Rondo de la Universitato Aix-Marseille ; komitatanino de J.E.F.O. ; vic-prezidantino de S.T.E.L.O. ; prezidintino de L.K.K. de la 3-aS.T.E.L.O.-kongreso en Aix (aug. 1968).

**F-no TRIOLLE Renée,** el Marseille ; instruistino pri rusa lingvo en mezgrada lernejo ; prezidantino de J.E.F.O. de 1966 kaj sekretariino de la Studenta Rondo de Aix-Marseille, vic-prezidantino de la Provenca Federacio kaj de la grupo de Marseille.

**S-ro WERMELINGER Eugène,** el Buhl, vic-direktoro de la biskvitfabriko « Les Préférés d'Alsace », kiu presigas sur siaj biskvitpaketoj tekston en esperanto ; kreinto de la Kultura Esperanto-centro en Guebwiller, kies honora prezidanto estas Profesoro Kastler, nobelpremiito.

Bonvulu noti la novan adreson de **S-ro MARTIN Robert,** profesoro, 129, bd de Vitré, 35 - Rennes.

**FEDERACIOJ :**

FEDERATION ESPERANTISTE RHONE-ALPES
*Honorprezidantoj :* S-ino Uline, 16, rue Victor-Hugo - (38) Vienne ; S-ro Vérot, rue des Villas - (42) Saint-Etienne.

*Prezidanto :* S-ro Micoud - (69) Saint-Cyr-sur-Rhône.
*Vic-prezidantoj :* S-ro Asquery, Aux Récollets - (26) Romans ; F-ino Boiton - (07) Granges-les-Valence.

*Sekretario :* S-ro Lemaire, 5, rue Docteur-Rebatel - (69) Lyon 03.
*Kasisto :* S-ro Giovenal, 3, place d'Helvétie - (69) Lyon 06.
*Helpkasistino :* F-ino Billiemaz, 40, avenue Henri-Barbusse - (69) Villeurbanne.
*Pagu al :* Federation Esperantiste Rhône-Alpes - C.C.P. Lyon 451.10.

PARIZA ESPERANTO-FEDERACIO — FÉDÉRATION PARISIENNE ESPERANTO :
Kasisto : J.-A. Rousseau, 64, avenue Jean-Moulin, Paris-14e.
Pagu al : Fédération Parisienne Esperanto — C.C.P. PARIS 10.482.04.

# Propagando

Estas je via dispono, por via loka Esperanto-propagando *celtrafaj afiŝoj* (eldonitaj de U.F.E. kaj E.G. en Angers) en la formatoj 40 × 60 (10 ekz. = 3 F.) kaj 30 × 40 (10 ek. = 2.50 F.). Sin turni al S-ro A. Frangeul, 42, rue du Pré-Pigeon (49), Angers por la mendoj, kaj pagi al Groupe Esperantiste Angevin — C.C.P. NANTES 290-79.

# Kultura semajno

Pro la ĝisnuna manko de subvencio, U.F.E. ne povas finance aranĝi la 8-an kulturan semajnon. Tamen, estas nepre necese, ke tiu Semajno okazu. Tial, la estraro de la Pariza Federacio decidis doni sian helpon al la Semajno, kaj jam ĝiris al U.F.E. la sumon de 500 F. Ĝi esperas ke la aliaj Federacioj komprenos tiun necesecon, kaj laŭpove ankaŭ helpos. Je la nomoj de niaj staĝontoj, ĝi antaŭdankas la donacontojn.

# Esperanto-Actualités

La Estraro de U.F.E., por nuligi parton de la deficito, decidis ne plu aperigi E.A. ĝis kiam ĝi estos ricevinta antaŭepagitajn antaŭmendojn por 5.000 ekzempleroj, laŭ la jenaj kondiĉoj par unu numero :

| | *Francio* | *Eksterlando* |
|---|---|---|
| 100 ekzempleroj | 19,00 | 23,00 |
| 50 » | 10,00 | 12,50 |
| 10 » | 2,20 | 3,00 |

Pro la nuntempa forigo de E.A. ĉiuj membroj, kiuj pagis jam sian kotizon por 1969 ricevos tiun numeron de R.F.E.




La plej grava evento por la Esperanto-organizaĵoj en Francujo kaj Germanujo nun staranta antaŭ ni estas nia komuna kongreso Paskon 1969 en Strasburgo. Ni membroj de Germana Esperanto-Asocio venos en vian landon, kaj estas dece, ke ni antaŭe prezentas nin al vi.

La Esperanto-movado en Germanujo nuntempe montras la normalan bildon : kelkmil membroj klopodas antaŭenigi Esperanton. Sed tiu normaleco estas nur reakiraĵo post suferoj kaj entuziasmaj kulminoj. Meze en la tridekaj jaroj la germanajn Esperanto-organizaĵojn trafis ŝtata malpermeso. Ja estis kelkaj esperantistoj, kiuj provis eviti tiun baton per adaptiĝo de la movado al la deziroj de la ŝtata potenco. Sed tio estis neebla, ĉe ni same kiel en la granda politiko, en kiu la konsentoj de alilandaj registaroj (ekz. München 1938) ankaŭ ne povis mildigi la diktatoron.

Post la enfermiteco de tiu malhela epoko la germanoj sopiris al eksterlandaj kontaktoj. Por tio Esperanto estas ege taŭga ilo. Konsekvence la movado ekfloris, same kie ĝi nun bonstatas en kelkaj orientaj landoj. Bedaŭrinde tiu tempo pasis ĉe ni. Venis la ekonomia rekonstruo kunportanta grandan bonfarton, kaj la interesoj de la homoj ŝanĝiĝis. Establiĝis socio de konsumantoj. Tiu situacio estas malbona por ĉiuj asocioj, sindikatoj, partioj, eklezioj : ili ĉiuj nur plu havas malfortan asocian vivon.

Sed estas interesa fenomeno, ke tiu relativa malforteco ne forprenis de la nomitaj grupiĝoj ilian signifon en la publika sfero. Ili estas agnoskitaj kiel partoprenantoj en la politika kaj socia vivo en la antaŭejo de la parlamento, kie ili kontribuas siajn ideojn. Kvankam la membrocifero ne apogas tion, ili estas rigardataj kiel institucioj, al kies vortoj oni atente aŭdas. La publika vivo « okazas » inter tre malgrandaj grupoj da homoj, kaj neniu el inter ili povas tiri sian potencon el grandkvanta apogo per amasmovado.

En tiu ĝenerala sistemo la esperantistoj povas bone kunnaĝi. Se Esperanto-funkciulo parolas, li ne agas kiel advokato de iu nombro da membroj, sed kiel reprezentanto de unu logike ebla solvo de grava demando, de la mondlingva problemo. Se ni do volas bone labori : necesas :

1) montri la gravecon de la problemo, por kies forigo ni agas,
2) prezenti nian solvon per bonaj argumentoj ;
3) diskonatigi nian oferton al plejeble multaj homoj kaj ;
4) pruvi la kapablojn de nia propono.

La graveco de la solvo de la mondlingva problemo rekte dependas de ĝia akreco. Ju pli da lingvoj devas esti internacie uzataj des pli urĝa estas racia solvo. Tial estas bonege, ke la angla havas fortan konkurencanton en la franca, kaj ni esperas, ke la germana povas reakiri fortan pozicion. Sur tiu kampo la evoluo estas kontentiga.

Oferti Esperanton 1) *bone* kaj 2) *al multaj* estas nun unu el la ĉefaj laboroj de nia landa asocio. Informado, varbado, propagando, kontaktoj al oficialaj instancoj, kunlaboro kun samcelantoj, jen konkretaj agoj. Al tiu kategorio ankaŭ apartenas la aranĝado de konkretaj agoj. Al tiu kategorio ankaŭ apartenas la aranĝado de kongresoj, ĉar ili estas la ĉefaj okazintaĵoj, kiuj instigas al raportoj pri Esperanto en la gazetaro, en radio kaj en televido. Kompreneble kongreso nur povas tiel efiki, se la programo estas impona kaj se ĉeestas sufiĉe da partoprenantoj. En tiu novformiĝo de niaj kongresoj ni kontentige progresis, kaj ni esperas, ke la kongreso en Strasburgo estos nova mejloŝtono sur tiu vojo.

# PREZENTO DE NAJBARO

**Germana Esperanto Asocio (GEA)**

de d-ro Werner Bormann, prezidanto de GEA

Ĉiuj laboroj sur la nomitaj kampoj nur povas finfine sukcesi, se ni ankaŭ povas pruvi la verecon de nia aserto. Esperanto nur povas esti la solvilo de la mondlingva demando, se ĝi kiel lingvo ĉiel taŭgas. Tiu pruvo nur povas okazi per daŭra uzado de la lingvo, per kio ĝi evoluas, pliriĉiĝas, pliboniĝas. Jen estas granda tasko por ĉiuj esperantistoj. Tial ni bezonas nepre kaj urĝe homojn parolantaj la lingvon, prefere membrojn de nia asocio, sed ĉiukaze legantojn de nia literaturo kaj vizitantojn de niaj kunvenoj. Tiu neceseco montras la gravecon, kiun havas la membrovarbado. Ĝi estas elstare grava, sed ne ĉion decida. Mi rifuzas la aserton pri la nuna malprogreso de la Esperanto-movado, ĉar evidente tiu konkludo nur rezultiĝas el rigardado sole al la membrocifero. Ĝi ne povas esti la nura mezurilo rilate progreson kaj malsukceson.

Iomete povas nin kontentigi, ke laŭ niaj spertoj la nombro da esperantistoj kreskas — ne la nombro da membroj de la Esperanto-asocioj. Se tiuj lernintoj de la lingvo ne volas membriĝi, ili tamen serĉas kontaktojn por uzi la lernitan lingvon. Urĝe ni bezonas kontakteojn, devus havi multajn lokajn klubojn. Sed grupo nur povas ekzisti surbaze de regula vizitado, kaj ja estas tio, kion multaj ne ŝatas. La centraj instancoj de GEA tial klopodas krei en nia lando reton de regionaj kluboj. Se ne en unu urbo, tiam en regiono certe estas tiom da membroj, ke klubvivo eblas. Aldone ni volas zorgi pri ĉiuformaj renkontiĝoj, kongresoj, seminarioj, studsemajnoj, restadejoj.

Apud la nacia organizaĵo, landa asocio de UEA, laboras por niaj celoj ankoraŭ aliaj organizaĵoj aŭ institucioj. Speciale menciindaj estas la instruistoj, la junuloj kaj la fervojistoj. Novkreita post longa dormado estis ĵus la Germana Esperanto — Instituto por sciencaj laboroj, la ekzamenservo kaj kolekto de granda biblioteko — la antaŭa biblioteko, de kiu ne ĉiuj libroj detruiĝis, trovigas en Leipzig ne alirebla por ni.

Tio memorigas pri malklareco en tiu artikolo : « Germanujo » ne plu estas klare difinebla. Uzante tiun vorton mi eble devus ne prisilenti GDR, kie laboras en la kadro de ŝtata kulturligo « amikoj de Esperanto ». Pro tiu ligiteco al la baza organizaĵo la esperantistoj ne memstare aktivas, ekzemple povas elekti estraron, sed ĝi estas nomita. La samlingvanoj tie deziras de ni kunlaboron surbaze de kontrakto. Sed tia kontrakta bazo estas por ni tute nekutima. Ni kunlaboras kun niaj samcelanoj tre volonte, kiel ni faras tion kun niaj francaj amikoj. Al tio ni estas ĉien pretaj. La kunlaboro nur servu al la antaŭenigo de Esperanto, tiu paca helpilo al pli bona kompreno. Jen nia volo, kaj ni estas certaj, ke UFE kaj GEA kune povas pli efike labori. Tial ni volonte venos al Strasburgo.

# *Sur la Vojo al Strasburgo...*

Volonte mi sekvas la instigon skribi kelkajn vortojn pri nia komunplanita kongreso en Strasburgo.

Ĉi tiu estos pli ol nur kutima aranĝo, ĉar ĉi tie, en Strasburgo renkontiĝos homoj el du nacioj, kies sorton respegulas la historio de ĉi tiu belega urbo.

Mi forte sentas la mirindan miraklon, ke ni kunligitaj amike kaj frate per komuna lingvo kelkajn tagojn kunvenos en la historia urbo, de kiu mi esperos, ke ĝi iam estos la ĉefurbo de unuiĝinta Eŭropo.

Ni, *germanaj instruistoj,* varme gratulas la prezidantojn de ambaŭ asocioj por la grandanima decido.

Precipe, mi salutas la francajn gekolegojn, kaj mi estas ege feliĉa pro nia komuna laboro farota dum niaj kunsidoj.

Lasu nin serĉi novajn vojojn energie irotajn estontece.

*Helmut Sonnabend,*
Prezidanto de A.G.E.I.

# Espéranto et Culture

OFICIALA ORGANO DE G.E.E.
Redaktas : S-ino J. VINCENT, rue des Oiseaux. 27 - Les ANDELYS
Materialon por « Esperanto et Culture » oni sendu antaŭ la 5-a de la antaŭa monato

## HENNEBONT

### Esperanto en elementa lernejo

De la komenco de tiu-ĉi studperiodo, okazas en la elementa lernejo. Jean Macé, esperanto-kurso po unu horo semajne entenata en la semajna horaro oficiala.

Profitante la fakton ke, oni starigas, multloke, pedagogiajn eksperimentojn, ni faris nian proponon instrui esperanton en la lernejo al la kolego de la koncernita klaso kaj al la lernejestro. Ambaŭ jesis.

Ni vizitis nian inspektoron por informi lin, konatigi al li nian projekton kaj peti de li la permeson ĝin efektivigi. Ankaŭ li tuj jesis.

Ni instruas esperanton al 9 jaraj lernantoj tiel, ke ili lernu la lingvon dum du jaroj antaŭ ol iri en duagradan lernejon.

Ni multe paroligas ilin, kaj tio plaĉas. Ni kontaktiĝis kun kolegoj el Jugoslavio kaj Britujo : nun, ni preparas albumojn pri nia regiono por niaj eksterlandaj geamikoj. Ni sendis desegnojn al Grajnoj en Vento.

La lernantoj laboras kuraĝe ; la instruistoj estas kontentaj pri la bona laboro.

Eble, kolegoj, kiuj legos pri tiu eksperimento provos similan. Ili provu : ĉar ni bone scias, ke esperanto multe pli progresos, kiam ni instruos ĝin en la lernejoj.

F. LE MAGADURE
(instruisto)

## NECROLOGIE

Nous avons appris avec tristesse les décès de :

— **M. ANGEARD,** directeur des Cours Agricoles de Durtal (49), accidentellement le 29-10-1968.

— **Mme CHAPELLIER,** épouse de notre ami Chapellier, trésorier de la Fédération de l'Est, après une longue maladie, le 13-1-1969.

— **M. FABERT Maurice,** de Chelles, le 17-1-1969.

— **M. NAOUMOFF Constantin,** de Paris, le 25-1-1969.

Aux familles des disparus, U.F.E. présente l'expression de ses très sincères condoléances.

## AL ĈIUJ GEINSTRUISTOJ

Komence de junio 1969 okazos en Celje (Jugoslavujo) renkontiĝo de gelernantoj el la tuta lando kun sportaj kaj kulturaj aranĝoj, inter alie ekspozicio pri manlaboraĵoj. La Esperanto-grupo de Celje aranĝos specialan ekspozicion : « Gelernantoj de la mondo ekspozicias ».

Kun viaj gelernantoj, esperantistoj aŭ ne, bonvolu prepari kelkajn objektojn por tiu internacia ekspozicio, kaj sendi ilin antaŭ la fino de aprilo 1969. Ĉiu kunlaboranto ricevos interŝanĝe manlaboraĵojn el Celje.

Per nia kunlaboro, ni montru la utilecon de Esperanto.

**Adreso** : Esperanto grupo de
OSNOVNA SOLA FRANJO VRUNC
CELJE Hudinja JUGOSLAVUJO

## CARAVANE A HELSINKI

Chaque participant devra être titulaire d'un CARNET DE CHANGE, délivré uniquement par les **banques.** La demande doit être formulée sur un imprimé spécial accompagné de la **carte nationale d'identité** (exclusivement) et d'une photo.

Les demandes de carnets destinés à des mineurs (moins de 21 ans) sont signées et déposées par le représentant légal des dits mineurs.

Dès qu'ils seront en possession de ce carnet, les membres participant à la caravane devront nous le faire parvenir immédiatement 34, rue de Chabrol, à Paris.

Nous rappelons que cette formalité concerne TOUS les voyageurs se rendant à l'étranger. Cependant U.F.E. ne pourra assurer la délivrance des devises que pour les membres utilisant les services de la caravane (date limite d'adhésion : **15 mai 1969**).

## UNUA FRANCA GERMANA KONGRESO EN STRASBOURG

ALIĜU kiel eble ple rapide por helpi la LKK-anojn.

EKSKURSOJ al la Vogezoj kaj al la Nigra Arbaro okazos. Se vi ne mendis per via aliĝilo, sendu poŝtkarton kun la mono al la LKK.

GEJUNULOJ havos je dispono du kampadejojn : BAGERSEE strato al Colmar, ĉe la limo de STRASBOURG-GRAFFENSTADEN ; la dua estas laŭlonge de la strato al Saint-Dié apud la junulargastejo.

GLUMARKOJ estas ankoraŭ haveblaj po 1 F. por 30 ekz. Uzu ilin amase !

# RECENZOJ

### PORINFANAJ RAKONTOJ

*4 libretoj eldonitaj de la slovenia Esperanto-Ligo, okpaĝaj, 20 × 26 cm, kolorilustritaj : 1,50 F.*

Iu ajn movado ne povas disvastiĝi, se ĝi ne allogas la junularon. Eble tio estas ankoraŭ pli vera, se ĝi unue allogas la infanaron !

La jenaj eldonaĵoj certe trafas tiun celon. La rakontoj prezentitaj de la Slovenia Ligo estas mallongaj, simplaj kaj tre bele ilustritaj.

Certe niaj denaskaj esperantistoj kaj la junaj plenkreskuloj (de 8 ĝis 75 jaroj laŭ la kutima formulo) tralegos kun plezuro tiujn popularajn verketojn : **Neĝulino,** de la Fratoj GRIMM ; **Pantoflokatino,** kaj **Mia ombrelo povas esti balono,** ambaŭ de Ela PEROCI ; **Mojca Etulino,** nekonata aŭtoro.

LEGREE.

***

Hilda Dresen : *Norda Naturo. Poemaro.* — Prologoj de E. Linnuse kaj L. Tarkony. — Kovrilo de Jan Schaap. — STAFETO : Beletraj Kajeroj, 33. — J. Regulo, Eldonisto, La Laguna, Kanariaj Insuloj, 1967. — 12 × 18,5 cm. — 144 paĝoj. — Prezo : 7,50 F. (plus sendkostoj).

La Norda naturo respegulas ne nur la nubojn, sed le ĉielon lazuran, per siaj multnombraj marĉolagetoj. Tio signifas, ke pesimismo ne tute regas tiun naturon. Eĉ vintro printempiĝas : Neĝeroj ŝajnas esti balo gracia kaj blankidilia. Baldaŭ kompofloroj sennombraj ekfloras por plezuro de la okuloj : rozkolora liknido, orflama galio, cejano blua ĵaluze gardita de la altkreska sekalo ; dume, tropeoloj vigle rompadas kaj paradas per skarlato kaj oro. En tia naturo la ĝardeno estas amo kaj amo ĝardeno, kiun oni devas flegi, en kiu oni eksarku misherbojn. Kaj...

« Eĉ se griza la ĉielo
Super kotkovrita tero,
portu en la kor' lazuron,
fuĝos grizo kaj deprimo
kaj vi havos en animo
ĝojburĝonojn, vivplezuron,
sunsubiran orpurpuron ».

Tion, kaj multe pli vi trovos en la poezioj de Hilda Dresen, kies mondfamo estas bone konata. Ŝi naskiĝis en 1896 en Estonio. Ŝia patro estis forstisto. Tio certe klarigas la amon de la aŭtorino por la Naturo kaj ĉio natura, ĉefe botanika. Proksimume 50 estonajn aŭtorojn ŝi konatigis per tradukoj prozaj kaj versaj. Sed ŝi ankaŭ estas memstara poemverkistino.

K. Kalocsay en la enkonduko de **Dekdu Poetoj** skribis pri ŝi : « Ŝi rigardas sin pli tradukinto ol originala poeto ; ŝi ne estas prava. Ŝiaj tradukoj estas belegaj, sed laŭ mia sento, ŝia talento montriĝas plej libere ĝuste en ŝiaj propraj poemoj. En ili ŝia lingvo estas ankoraŭ pli elasta, pli esprimiva, pli harmonia ».

La lingvo estas simpla kaj belsona. La humura poemo « Verdaj Plendoj » staras aparte el la tuta aro kaj mi nepre konsilos al ĉiuj zorge studadi ĝin kaj pruvi, ke ĝi estas... mensogplena ! Legu, vi ne bedaŭros !...

Robert MARTIN.

***

William Shakespeare : *Somermeznokta Sonĝo.* — Komedio. — El la angla tradukis Kalman Kalocsay kun aldono de *Komentario.* — Kovrilo de Jan Schaap Jr. — STAFETO : Beletraj Kajeroj, 31 (erare presita : 30). — J. Regulo, Eldonisto, La Laguna, Kanariaj Insuloj, 1967. — 12 × 18,5 cm. — 100 paĝoj. — Prezo : 7,50 F. (plus sendkostoj).

« Somermeznokta Sonĝo » estas kunmetitaĵo de komedio, parodio, kaj fantasmagorio. Sed tiu teatraĵo diferenciĝas de la aliaj ŝekspiraj verkoj per la forteco, denseco kaj poezio de la krea imagpovo en ĝi trovita sur ĉiu linio. Tio signifas, ke la tasko de iu ajn tradukisto estas terure malfacila, ĉar li devas ne nur respekti la spiriton kaj profundan esencon de la komedio, sed ankaŭ atingi la muzikon reliefigitan per aliteracioj, asonancoj, ritmoj kaj rimoj. Alivorte, oni devas trafi pli ol du celojn per unu ŝtono t.e. per unu lingvo.

Mi konkludos nun, gratulante la bonegan laboron de nia tre ŝatata J. Régulo, kies « STAFETO » estas vera trezoro de nia lingvo, kaj ankaŭ gratulante Kalman-Kalocsay-n pro lia vigla tradukarta virtuozismo. Saluton al nia juvelisto !

Robert MARTIN.

***

Edmond Privat : *Vivo de Gandhi.* — Biografio. — Antaŭparoloj de Eric Descœudres kaj Pierre Hirsch. — Kovrilo de Jan Schaap Jr. — STAFETO : Beletraj Kajeroj, 32. — J. Régulo, Eldonisto, La Laguna, Kanariaj Insuloj, 1967. — 12 × 18,5 cm. — 172 (160 + 4 + 8 bildaj) paĝoj. — Prezo : 10 F. (plus sendkostoj).

Neniu estis pli taŭga ol Edmond PRIVAT por skribi pri la vivo de Gandhi, ĉar li bone konis Gandhi-n, vivis apud li sur la ŝipo, kiu lin rekondukis al Hindio kaj Privat skribis pri sia vojaĝo en libro kies valoro estas triobla : ĝi estas historia dokumento pri la vivo en Hindio en 1932 ; ĝi klarigas la popularecon de Gandhi ; ĝi analizas la Gandhi-ajn ne perfortajn metodojn * kaj plie, la lucidaj analizoj de Privat estas riĉigitaj per la simpatio, la interna profunda kompreno, sen kiuj la verko restus nur cise de la atingota celo, nome la spiriteco, kiu vigligis kaj vivigis la animon de Gandhi.

La ĉi-tie recenzita libro konsistas el « la teksto de nelongaj prelegoj en esperanto, registritaj ĉe la studio en Berno por kurtonda dissendo fare de la Svisa Radio-Societo ». Tio signifas, ke la libro estas verkita laŭ la leĝoj kaj reguloj de **parola** lingvo, kies kvalitoj, krom pureco kaj altnivelo estas familiareco kaj spontaneco. La karakteriza parola stilo de E. Privat estas same kiel kutime korvarma, konciza, belsona, sobra. Per ĝi oni travivas la ĝojojn kaj malĝojojn, la konstantajn klopodojn, la plej efikajn agojn, kiuj montras ne nur kiel kaj kiom forta povas esti neperforto, sed ankaŭ kiel vigla kaj agema povis esti Gandhi dank'al idealo eksterordinare kaj altnivele homeca. Gandhi ĝuste kredis je la forto de la vero pruvita ne per teoria kredo, ne per belsonaj paroladoj sed per agoj per eksperimentoj. Tio kaj multe pli, estas klarigita en tiu libro per kies vigla stilo vi revivos la eksperimentojn, la angorojn kaj la sennombrajn venkojn de Gandhi.

Ĝuste kaj taŭge Privat komparas Gandhi kun Zamenhof. Li skribas :

« Ambaŭ homoj havis absolute la saman kredon pri la spirita unueco de la homaro. Laŭ ili ŝanĝo de religio estas nur iluzio ; se oni profundigas la sian ĝisfunde, tiam oni ne plus sentas la barojn kaj murojn ».

Oni povas konkludi, ke se vi estas logika Esperantisto, vi nepre devas legi, tralegi, trastudi tiun Esperantlingvan libron, verkita de unu el niaj plej elstaraj Esperantistoj pri homo kies spiriteco restas por ni ĉiama instruo.

R. M.

---

* « Aux Indes avec Gandhi » (En Hindio kun Gandhi), Denoël, Paris.

# PRINTEMPA KONGRES' EN ALZAC'

(teksto de Raymond Schwartz)

Lin ravis ŝia blonda har'
Kaj brilo de l'dudeka jar'
Dum printempa kongres' en Alzac'
Li ŝin invitis kun komplez'
Volonte ŝi respondis « jes »
Dum printempa kongres' en Alzac'.

Tiel naskiĝis am'
Samkiel en roman'
Ĉar foje dum juni'
Viro sen kompani'
Kaj same junulin'
Venis el fremda urb'
Nur por instrui sin
Ĉe l'kongres' en Alzac'.

Jam antaŭ la kongresofin'
ŝi estis lia fianĉin'
Dum printempa kongres' en Alzac' !
Sub signo de la verda flag'
Ĝi estis la plej bela tag'
Dum printempa kongres' en Alzac'.

Tuj li aludis pri
l'Alzaca cikoni'
Kaj ĝia grava rol'
Por kreskig' de popol'.
Ŝi spitis kun feliĉ'
« Solviĝos per si mem
Post nia geedziĝ'
Ankaŭ tiu problem' » !

Jen do : fondiĝis famili' !
Ĉar konatiĝis ŝi kun li
Dum printempa kongres' en Alzac' !
Esperu ni ke tiuj du
Memoros nur kun gaj' kaj ĝu'
Pri l'printempa kongres' en Alzac'.

***

Estus dezirinde, ke ĉiuj kongresanoj sciu tiun kanzonon, kaj ke ĉiu federacia respondeculo prizorgu ĝin. Tiucele, kiuj bezonos la muzikon, bonvolu sin turni al S-ino BALLAVEN, 34, rue de Chabrol - 75.10 Paris.

## VIVO DE NIAJ GRUPOJ

*LES ANDELYS.* — La Zamenhofa Kulturcentro por internacia amikiĝo aranĝas ĉijare grandan konkurson kun 800 F. da premioj.

*Ĉiuj francaj geesperantistoj* povas ĝin partopreni :

| | |
|---|---|
| 1-a premio | 500-franka vojaĝstipendio por veturi al Helsinki ; |
| 2-a premio | 200-franka vojaĝstipendio por veturi al Helsinki ; |
| 3-a premio | Albumo Thiaude kun 375 francaj poŝtmarkoj neuzitaj (valoro 60 F.). |
| 4-a ĝis 7-a premioj | Libroj en valoro de 10 F. mendeblaj ĉe U.F.E. |

Regularo de la konkurso havebla kontraŭ afrankita koverto al : Centre Culturel et d'Amitié Internationale Zamenhof, 8, boulevard Néhou - (27) LES ANDELYS.

*BOURGES.* — Daŭre funkcias la oficiala kurso de S-ino Rapin, interne de Urba Instituto por Instruado de Lingvoj. Post ekspozicio kaj prelego de D-ro Boulogne, el Châteauroux, malfermiĝis kurso en Domo de Kulturo kaj Junularo kun 12 gelernantoj. Tion iniciatis la Direktoro de la Domo.

*NEVERS.* — En la geinstruista seminario, la direktoro S-ro Barbier petis, ke oni faru ĉion eblan por ke funkciu esperanto-grupo en la kadro de la Lerneja Centro Kultura. F-ino Bargeot akceptis la taskon de gvidantino, kaj nun instruas al dudeko da gelernantoj.



*ROUBAIX.* — Pro la festoj, multaj el niaj kluboj kaj izoluloj ricevis leterojn kaj bondezirojn el la tuta mondo. Sur la apuda bildo (kliŝo Nord-Eclair), la plej juna grupanino de Roubaix - Tourcoing, portas la usonan dimanĉan ĵurnalon (pli ol du kilogramoj ?) kiun ŝi ricevis el Ameriko.

*SAINT-AMAND-ORVAL (Cher).* — Laŭ iniciato de S-ro Cainaud urbestro de Orval-kaj de S-ro Pelade, direktoro de « Collège Technique » en Saint-Amand, kaj post prelego de S-ro Blanc, kreiĝis esperanto kurso kun ok gelernantoj : inter ili la urbestro mem. Instruas S-ro Pelade.

# SERVICE DE LIBRAIRIE (Extraits)

### ETUDE ET ENSEIGNEMENT

| | |
|---|---|
| Valeur pédagogique de l'Espéranto | 0,60 |
| Programme des examens | 0,50 |
| ABC à l'usage de ceux qui aiment les lettres (Waringhien) | 3,50 |
| Espéranto-Manuel (Chavet-Warnier) avec corrigés | 8,00 |
| Manuel d'Etude (Couteaux) | 5,00 |
| Manuel d'Initiation (Thaillet) | 1,80 |
| Ni parolu en Esperanto (Ribot) avec corrigés | 5,00 |
| Ludoviko en Nederlando (P. Delaire) | 16,00 |
| Espéranto Vivant (P. Delaire) | 20,00 |
| Espéranto fil d'Ariane (P. Delaire) | 14,00 |
| Plena Gramatiko (vol. I) | 12,00 |
| Privilegia Vojo al Lingvoscio (Setälä) | 5,00 |
| Dialekto, dialektiko (Dalmaŭ) | 3,50 |
| Lingvo kaj Vivo (Waringhien), relié | 20,00 |
| Manuel de Perfectionnement (Couteaux) | 4,20 |
| Lingvaj Respondoj (Zamenhof) | 7,50 |
| Esperanta Proverbaro (Zamenhof) | 7,50 |
| Esperanto, facila por vi (Walter) | 6,30 |
| La Fundamento, broché, p. de A. Albault | 13,50 |
| Ne kiel Meier ! (R. Schwartz) | 2,00 |
| Nos premiers pas en Esperanto (avec disque) | 2,50 |
| Manuel préparation Kapableco | 6,00 |

### DICTIONNAIRES, LEXIQUES ET VOCABULAIRES

| | |
|---|---|
| Dictionnaire Français-Espéranto (Léger & Albault) | 20,50 |
| Grand Dictionnaire Espéranto-Français (Waringhien) | 38,50 |
| Lexique Espéranto-Français (Léger) | 6,00 |
| Naŭlingva Etimologia Leksikono (Bastien) | 10,00 |
| Plena Vortaro de Esperanto | 20,00 |
| Vocabulaire de poche (Bastien) | 4,00 |

### HISTOIRE DU MOUVEMENT

| | |
|---|---|
| Le Docteur Espéranto (M. Ziolkowska) broché, | 6,50 |
| relié | 13,50 |
| La Esperanto-Movado (Stöp-Bowitz & Isbrucker) | 3,00 |
| Leteroj de L.L. Zamenhof (Waringhien) I & II, reliés, ensemble | 28,00 |
| Originala Verkaro de Zamenhof, relié | 20,00 |
| Vivo de Zamenhof (Privat) | 7,00 |
| Historio de la Lingvo Esperanto (Privat) | 9,50 |
| D-ro Zamenhof (M. Boulton), relié | 19,00 |
| Boulogne 1905 Testo Kaj Triumfo | 2,50 |
| La Homaranismo de D-ro Zamenhof | 2,50 |
| Aŭtografoj de D-ro Zamenhof | 2,50 |
| Historio de Esperanto (Courtinat), en 3 volumes, l'un | 18,00 |

### LITTERATURE

| | |
|---|---|
| Duonvoĉe (Maura) | 7,50 |
| Ekzilo kaj Azilo (Emba) | 7,50 |
| Elingita Glavo (Verdiro) | 6,00 |
| Eroj (Boulton) | 12,50 |
| Esperanta Antologio, relié | 21,50 |
| broché | 18,50 |
| Fajro sur mia Lango (De Kock) | 7,50 |
| Floroj de l'Malbono (Baudelaire) | 13,50 |
| Hamleto (Shakespeare) trad. Newell. | 12,00 |
| Homoj sur la Tero (Engholm) | 14,00 |
| Japana Kvodlibeto | 6,00 |
| Junaĝa Verkaro (Privat) | 6,00 |
| Kiel Akvo de l'Rivero (Schwartz) relié | 19 00 |
| broché | 15,00 |
| Kontralte (Boulton) | 10,00 |
| Martin Fierro (Hernandez) | 19,00 |
| Norda Naturo (Hilda Dresen) | 7,50 |
| Nova Ezopo (Urban) | 5,00 |
| Nur tri Koloroj (Urbanova) | 5,00 |
| Ombroj de la kvara Dimensio (De Kock) | 7,50 |
| Otelo (Shakespeare) | 9,00 |
| Pinta Krajono (Rossetti) | 5,00 |
| Reeĥoj (Jugoslavia poemaro) | 5,00 |
| Sen paraŝuto (Thorsen) | 6,00 |
| Simpozio pri ata-ita | 16,00 |
| Soifo (Tarkony) | 12,00 |
| Somermeznokta Sonĝo (Skakespeare) | 7,50 |
| Sonĝe sub Pomarbo (Baghy) | 9,00 |
| Specimene (Baupierre) | 7,50 |
| Sub Stelo rigida (Hamri) | 6,00 |
| Sur la Vivovojo (Logvin) | 6,00 |
| Ŝtupoj sen Nomo (Ragnarsson) | 5,00 |
| Topaze (Pagnol) | 10,00 |
| Unufingraj Melodioj (Auld) | 5,00 |
| Vesperkanto (Adamson) | 7,50 |
| Vitralo (Francis) | 6,00 |
| Vivo de Gandhi (Privat) | 10,00 |
| Vojaĝo inter la Tempoj (Kalocsay) | 12,00 |

### PHILOSOPHIE & RELIGIONS

| | |
|---|---|
| Tio, kion mi kredas (J. Rostand-Berlot) | 3,00 |
| Maksimoj de La Rochefoucault, franca kaj Esperanto kune (Waringhien) | 2,00 |
| La Nova Testamento, relié | 6,00 |
| Sankta Biblio, relié | 15,00 |
| La Vivo de Nia Sinjoro Jesuo (Dickens), relié | 5,00 |

### GEOGRAPHIE — VOYAGES

| | |
|---|---|
| Nepalo malfermas la pordon (T. Sekelj) | 15,00 |
| Aŭstralio — Lando kaj Popolo | 3,50 |
| Ekspedicio Kon-Tiki (Heverdahl), relié | 18,50 |
| Kanako el Kananam (K.-G. Linton) | 11,00 |
| Tempesto super Akonkagvo (T. Sekelj) | 11,00 |
| La Bela Subtera Mondo (Leander Tell) | 10,00 |
| La Kunprinclando Andoro (ilust.) | 7,50 |
| Gvidlibro Tra Parizo (Julieta) | 12,00 |

### ARTS, SCIENCES ET TECHNIQUES

| | |
|---|---|
| Atakoj kontraŭ Gardenplantoj (Neergaard) | 15,50 |
| La Vivo de la Plantoj (Neegaard) | 11,50 |
| Sekretoj de la Marestajoj | 7,50 |
| Amuzo per Scienco (Vivian), relié | 6,00 |

### DISQUES

| | |
|---|---|
| Cours d'Esperanto (Ribot) : 6 disques et 7 livrets | 84,00 |
| Disque de prononciation | 4,00 |
| Parolado de Lapenna | 11,50 |
| Melodioj (La Espero, Ĉeriz'Tempo, Fontano klara) | 12,00 |
| La Feliĉo | 3,50 |
| **Livres illustrés pour les jeunes (Série de 10)** | **10,00** |

### INSIGNES

| | |
|---|---|
| Bouton, broche ou épingle, diamètre 13 mm | 2,00 |
| Bouton ou épingle, diamètre 7 mm | 2,00 |

### CARTES POSTALES DE PROPAGANDE

| | |
|---|---|
| 2 modèles, la pièce | 0,10 et 0,25 |

### POUR PHILATELISTES

| | |
|---|---|
| Enveloppes et cartes affranchies avec oblitérations de Congrès nationaux (Baugé, Paris, Agen, Aix) l'une | 1,00 |

**Frais d'expédition et de poste :**

20 % jusqu'à 20 F. ; 15 % jusqu'à 40 F. ; et 10 % au-dessus.

Toutes les commandes sont à adresser, avec les fonds, à Union Française pour l'Espéranto, 34, rue de Chabrol, Paris X^e^. C.C.P. 855-35 Paris.

Le Gérant : A. BOURDEAUX. — C.P.P.P. N° 21.755 — Imprimerie Coconnier — Sablé-sur-Sarthe.